# 1935

エ・ス・ペ・ラ・ン・ト・研・究



AKVOFALO KEGON, NIKKO:
UNU EL LA PLEJ FAMAJ AKVOFALOJ EN JAPANUJO.

# La Revuo Orienta

JARO XVI N-RO 2 FEBRUARO

JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO

LA REVUO ORIENTA 目 次 JARO XVI, N-RO 2, FEBRUARO, 1935

## SPECIALA NUMERO PRI JAPANA LITERATURO



## 編輯後記

★本號は豫定の日本文學特輯號としました。始めは文學小史と listo の外に文學作品のエス譯の fragmentoj でも入れるつもりでしたが今月は內地報道が 13 頁にもなつのでだめでした、それで來月號も文學特輯とし專ら各時代の文學作品のエス譯を發表します。★日本文學エス譯の表の中にもれてゐる作品が澤山あるかと思ひますからお氣付の方はの如く書き至急御通知下さい。次號で增補します。活字印刷のものに限りトーシヤ刷のものは省略しました。(Verda Mondo, Oomoto Internacia に發表されたものは次號で追加します。)

# HISTORIETO DE JAPANA LITERATURO

F-ino Teru HASEGAŬA

## 1. JAMATO-EPOKO (*661 a. K.—709 p. K.*)

Kiam homoj ekestis sur parto de nia terglobo, jam devis ekĝermi primitiva praliteraturo neskribita. Mitoj, legendoj kaj historiaj rakontoj ĉiuj estas primitivaj formoj de l' literaturo. Kaj ili estis nur buŝe transdonataj de maljuna generacio al juna generacio, ĝis kiam homoj elpensis literojn. Tiam ekestis literaturo skribita sur pergameno, papiruso, tegolo aŭ bambuaj splitoj. Poste homoj faris paperon kaj literaturo estis konservata en libroj.

Kompreneble japana gento havis neskribitan primitivan literaturon jam ekde sia ekesto, ĉar ĝi ne posedis literojn.

Koreoj la unuan fojon transplantis ĉinajn literojn en Japanujon en la jaro 285 p. K. kaj post tiam japanoj uzis ilin.

Sed bedaŭrinde ofte okazis konflikto inter potencaj korteganoj kaj multaj valoraj skribitaj kronikoj aŭ dokumentoj de l' registaro kaj aliaj forbrulis en civilaj militoj.

Ĝis nun japanoj posedas KOĴIKI kiel la plej malnovan libron de la gento, kiun kompilis Oo-no-Jasumaro laŭ la rakonto de HIEDA-no-Are ordonite de Imperiestrino Gemmjoo kaj kies ellaborita manuskripto estis prezentita al la trono en 712 p. K.

De 285 ĝis 712 eble troviĝis sufiĉe abunda kvanto da literaturo skribita sed ni plu ne posedas. Kompreneble ni ankoraŭ nur havas kelkajn fragmentajn restaĵojn faritajn en tiu temposed ili ne estas menciindaj en tia historieto.

**KOĴIKI** (古事記), ĉine "skribo de malnovaĵoj", enhavas priskribon pri historiaj okazaĵoj dum pli ol mil jaroj en tri volumoj kiel la titolo montras. La unua volumo havas abundon da mitoj, rakontoj pri herooj kaj interpopolaj legendoj kaj odoras artan aromon.

La unuan fojon la kompilinto donis fiksitan skribitan formon al la rakontoj transdonitaj de buŝo al buŝo dum multaj generacioj. Ĉar la libro estas skribita per ĉinaj literoj, la priskribo devas esti iomete tordita por esprimi rakontojn de japanoj (inter ĉina lingvo kaj japana lingvo troviĝas granda diferenco), sed tamen poezioj preskaŭ perfekte konservis sian originalan figuron. La enhavitaj ĉ. 110 poezioj diversspecaj, inter kiuj oni trovas formon de utao*, estas naivaj, sinceraj kaj amindaj. Jen kelkaj ekzemploj:

* utao: (unu speco de poezio) konsistas el 31 silaboj (dividitaj 5, 7, 5, 7, 7). 日本で utao といへば poezio 全體の總稱であるが併し日本の韻文の代表的のものは短歌である。短歌を utao を以て表はし長歌は long'uta'o 又は nagautao とし旋頭歌は sedoka'o とでもし 俳句を hajko としたらよいと思ふ。

Jamato –
Centro de l' lando.
Jamato—bela
De montoj verdaj
Centoble ĉirkaŭita.

*Imperiestro Ĵimmu*

En la mezo de l' fajro
Kiu sur la ebenaĵo
Sanesaŝi-Sagam brulis,
Ho l' kara pensis min.

*Princino Ototaĉibana*

(En S. malamikoj volis fajre mortigi ŝian militirantan edzon—rim. de l' trad.)

KOĴIKI rakontas al ni diversajn flankojn de senbrida vivo de antikvaj japanoj. Tie oni vidas primitivan animismon, bravajn tamen sovaĝajn batalojn, kruelajn venĝojn, fragmentojn de politika stato, belajn amaferojn kaj eĉ senmetaforan seksaĵon k. t. p. Sed la tutan volumon kovras hela koloro—simpla gajeco de la tiamuloj.

Krom KOĴIKI ni ricevis de niaj prapatroj kelkajn heredaĵojn, kiujn mi ĉi tie al vi prezentas.

**NIHONŜOKI** (日本書記), ĉine "skribaĵo pri Japanujo", finverkita en 720 de kleruloj kun Princo Toneri kiel ĉefo laŭ la ordono de Imperiestro Temmu, estas oficiala historio skribita tute ĉine, dum KOĴIKI japane kaj ĉine per ĉinaj literoj. La scenejoj de l' du libroj estas preskaŭ samaj, kaj oni kutimas mencii ilin kune. Sed entute NIHONŜOKI multe superas KOĴIKI kiel dokumento de kultura historio sed tute malpli valora kiel pura literaturo.

**HUDOKI** (風土記), ĉine "skribo pri la naturaj trajtoj"—nun restas nur parteto kvankam apartenanta al historia geografio, enhavas literaturajn mitojn kaj tradiciojn.

**NORITO** (祝詞), japane "preĝaj vortoj," kiujn malnovaj japanoj legis antaŭ dioj, ĉefe prapatroj kaj naturoj, ĉe diversaj festoj, spegulas tiamajn ideojn de l' nacio kaj utilas por studo de "ŝintoismo", sed artvidpunkte oni ne povas alte taksi, ĉar ĝi, kiel rita literaturo, estas superreala, formala kaj kategoria, kvankam havanta aspekton belan, lertan kaj grandiozan.

Jen reĝe brilas **MANJOOŜUU** (萬葉集), ĉine "kolekto de miriado da vortoj", estas ne nur esenco de japana antikva poezio, sed unu el elstaraj literaturaj produktaĵoj de japanoj. Tiu ĉi ampleksa utaaro, kvankam oni ne estas certa, kiu aŭ kiuj, kiamaniere, kiam ĝin elfaris, enhavas 4173 utaojn, 262 longutaoj* kaj 61 sedokaojn,** dum ĉ. 5—8-a jarcentoj. La verkintoj konsistas el 560 viroj kaj 70 virinoj, inter kiuj troviĝas provincaj neeminentaj geviroj, kvankam la ĉefaj personoj apartenas al la kortego. Utao evoluinta

* long'utao aŭ nagautao: (unu speco de poezio) konsistas el 5, 7, 5, 7, 5, 7, 5, 7 . . . , 7, 7 silaboj
** sedokao: (unu speco de poezio) konsistas el 5, 7, 7, 5, 7, 7 silaboj.

el suprediritaj poemetoj ĉi tie atingis sian supron kiel liriko. En plimalnova periodo de MANJOO-ŜUU utao ankoraŭ havis spontanean karakteron, sed en plinova oni jam estis plene memkonscia pri utaarto. La plej famaj utaistoj:

KAKINOMOTO-no-Hitomaro (en la fino de la 7-a jarcento)—kortega utaisto, supozeble la unua literaturisto en Japanujo. Lerta en precipe lirika longutao, li per bela kaj grandioza esprimo iufoje priploris la ruinon de l' antaŭa ĉefurbo, alifoje admiris bravan figuron de sia ĉasanta mastroprinco, kaj jen vojaĝante alvokis flame al la edzino postlasita.

JAMABE-no-Akahito—ankaŭ kortega utaisto, kiun kaj Hitomaro'n oni nomas «duo». Kun delikata koro li kantis kvietan flankon de l' naturo.

JAMANOE-no-Okura—karàkteriza utaisto de homa vivo, kiu, tamen klera, suferadis malsanon kaj malriĉon. En «dialogo de malriĉulo» li plendis maljustecon de l' naturo kaj socio, kaj per realisma plumo priskribis mizeran staton de l' homa vivo kaj senkoran agon de provinca registara reprezentanto, dum aliaj, precipe korteganoj, ĉiuokaze admiris sian tempon.

Tiel nomataj «manjoo-utaoj» fine maturiĝis kaj montris eĉ simptoman de kaduko. Sekve la vojo pli malsupren? se ne, alidirekten... Ni vidas tion tuj poste.

De iu epoko ĝis la komenco de Hejan-epoko oni havis kelkajn antologiojn de ĉinlingvaj poemoj kaj prozoj verkitaj de tiamaj inteligentuloj, nome imperiestroj, princoj kaj korteganoj.—Tio estas rekta enkorpiĝo de ĉinmanio. Tamen aŭ pozitiva aŭ negativa influo de ĉina literaturo daŭris ĝis Mejĵi-epoko, kiam oni la unuan fojon importis eŭropan literaturon en japanan.

## 2. HEJAN-EPOKO *(709—1192)*

Nobelfamilio HUJIŬARA ĝuis absolutan prosperon en la ĉefurbo Hejan. La provincojn oni lasis senkulturaj.—Kian literaturon produktis tia epoko? Unuvorte "nobelan", sen dubo! Cetere ĉi tendenco jam regis en Jamato-epoko kiam firmiĝis politika centralizismo. Nobelaro en Jamato-epoko, tamen, estis vigla reprezentantaro de l' popolo, dume tiu en Hejan-epoko—matura kaj dekadanca klaso por si mem. Plie 1) komunikado kun Ĉinujo, pere de kiu japanoj enprenis kontinentan kulturon, malvigliĝis en tiu epoko kaj jen kial internaciecon de japanoj pli kaj pli anstataŭis naciceo-insulanceo. 2) meze de l' epoko politiko de HUJIŬARA-anoj kolektis klerajn virinojn en la kortegon. 3) nove elpensiĝis japanaj literoj fleksebla.—Nu nova formo de l' literaturo? Kiel mi diris, oni jam trapasis prosperan stadion de momenta liriko. Do devis ĝermi kaj flori proza literaturo kun elemento iom pripensa kaj objektiva.

Sed ĉi tie antaŭ ol eniri prozan kampon, ni unue vidu la kampon de utaoj.

A. Utaoj.

En la jaro 905 vidis mondon utahistorie epokfaranta KOKIN-ŜUU (古今集), ĉine "malnova kaj nova kolekto de utaoj," kiun kompilis kvar homoj "ordonite de l' imperiestro." Plej okulfrapa karakterizaĵo de ĉi antologio estas «intelektismo». Vi devus ofte demandi,

"ĉu ili utais per cerbo anstataŭ per koro?" Eĉ okazis, ke nur sprito formas utaon.

En tiama utaista rondo tondradis la nomo Kɪ-no-Curajuki, kiu estas unu el la kompliintoj de l' utaaro kaj fama verkisto.

Utao fariĝis eleganta ludilo por korteganoj, sed tiamuloj absolute adoris KOKINŜUU'n kaj sekve aperis multaj ĝin imitintaj antologioj. Krom kelkaj briletantaj geutaistoj, nur l' ĉe fino de la epoko vivis freŝa utaisto nomata Sajgjoo, vaganta bonzo, kiu tre amis la naturon.

B. Rakontoj* (Monogatarioj)

**ISE-MONOGATARI** (伊勢物語), "Ise-rakontoj," kaj **JAMATO-MONOGATARI** (大和物語), "Jamato-rakontoj," verkitaj ambaŭ komence de l' epoko, havas nomon «uta-rakontoj», ĉar ili estas aroj da rakontetoj kun utaoj kiel centro. ISEMONOGATARI, aminda verketo formita per fragmentoj el la vivo de unu viro pasia, estas aŭtobiografio, oni supozas, de Arɪŭara-no-Narihira, arda nobelo-lirikutaisto. JAMATOMONOGATARI konsistas el multaj tradicioj.

**TAKETORI-MONOGATARI** (竹取物語), "Taketori-rakonto," rigardata prapatro de ortodoksa —ama—rakonto, estas fabela romano, kun burleskaj epizodoj, eĉ por infanoj populara. "El bambuo (=take) aperis eta knabino. Tiu ĉi fariĝis nedireble bela junulino. Oni nomis ŝin F-ino Brilanta. Viroj abele kolektiĝis ĉirkaŭ ŝi sed neniu kaptis ŝian koron! Fine proponis eĉ la mikado. Kaj ŝia respondo? Nea! Estis nokto luma kvazaŭ tago. Ŝi foriris al sia patrujo—Lando de Luno." Sekve trapasu, por atingi GENĴI-MONOGATARI'n, la supron de l' rakonta montaro, **UCUBO-MONOGATARI** (宇津保物語), en kiu duonreale skribitaj bela princino kaj multaj ŝiaj adorantoj kaj **OĈIKUBO-MONOGATARI** (落窪物語), kiu temas preskaŭ reale senkorajn agojn de duonpatrino kaj venĝojn de bofilo kontraŭ ŝi.

**GENĴI-MONOGATARI** (源氏物語), verkita de tiama famega kaj inteligenta korteganino Murasakiŝikibu.

"Princo Genĵi, alnome Lumo, dum knabeco sentis la unuan amon al Huĵicubo, kromedzino de lia patro-imperiestro, ĉar oni diris ke ŝi similas al lia mortinta patrino, kiu estis ankaŭ kromedzino de la imperiestro. (Tiam regis poligamio en supera klaso.) La princo, bela, saĝa, talenta kaj klera, fariĝis intima kun multaj virinoj. Nur du lin malakceptis. Huĵicubo'n li unu fojon perfortis; rezulte naskiĝis infano, kiun oni rigardis filo de lia patro. La afero tre turmentis lian konsciencon. Krome okazis terure malbeninda.—Lia unu edzino estis perfortite de iu nobelo naskis infanon nomata Aromo (Kaoru). Repago al la peko? Lin mordis ĉagreno. Brila vivo lia mallevis kurtenon. Soleco kaj malespero gracie skuis lian koron. Aŭskultu paŝon de Morto...

Aromo estis malgaja viro. Anstataŭ virinon li amis Budaon. Kontrasto estis lia intima amiko, voluptema princo Belo. Aromo, tamen, poste kaptiĝis je amo. Sekve kio? La unua amatino mortis, dua lin malakceptis, tria estis forprenita de Belo. Fine Aromo estis venkito de l' amo—de l' vivo."

Tiu ĉi longa verko havas 300 personojn. (ĉefaj 30). En TAKETORI, UCUBO kaj OĈIKUBO ni vidas nur pupojn, sed ĉi tie homojn. Kelkaj plene posedis sian karakteron,

---

* japane "monogatari", ĝenerala nomo de novelsimilaj verkoj en tiu epoko. Preskaŭ ĉiuj aŭtoroj en ĉi tiu kampo nun estas nekonataj.

kvankam princo Genĵi mem estis tro idealigita. Profunda psik-priskribo tie—ĉitie troviĝas. Oni povas nomi ĝin «novelo», kaj ĝi devas esti la unua novelo en la tuta mondo. (DEKAMERON de BOCCACCIO rigardata de eŭropanoj kiel la unua novelo aperis nur en la jaro 1353, dum ĉi tiu ĉ. en la jaro 1000). Ĝi estas klara spegulo de la vivo de tiama nobelaro, kiu faris nenion krom sinamuzo—muziko, utao, amo ktp. Virino estis ludilo por viro. Tia vivo povas aspekti plezure, sed en la abismo fluis malgaja duonlumo, kiun la aŭtorino akre sentis sed kiel tiun de ĝenerala «vivo». Ja la verkon tutan kovras malhela nuanco nomita de postaj kleruloj «mondo de krepusko.»

Rektajn posteulojn de Rakonto GENĴI (SAGOROMO, HAMAMACUĈUUNAGON k. a.) mi flanken lasas kaj menciu alispecajn.

**CUCUMIĈUUNAGON-MONOGATARI** (堤中納言物語), rubena ekzisto en la fino de l' epoko, konsistas el 10 karakterizaj rakontetoj skizaj kaj noveletaj. "Nobelo kiu derompis ĉerizfloron." — "Bela antaŭtagiĝo printempa. — Luno lumas arĝenta, nebuletas ĉerizfloroj. Survoje hejmen de la amatino juna nobelo okvidis belulinon kaj enamiĝis. Ŝi baldaŭ fariĝos kromedzino de l' imperiestro, oni diras. Ha, atendi tute neeble! Iunokte li forprenis sin kuŝintan en sia duonluma ĉambro. La vagono rapidas, kuras domen... Sed ho ve, la virino estis ne ŝi celita sed ŝia onklino, gardinta ŝin, raŭka bonzino maljuna, tamen iam tre bela." Legantoj vidas la aŭtoron akra ironia dekadanca.

**EIGAMONOGATARI** (榮華物語), "Prospera rakonto", kaj **OOKAGAMI** (大鏡), "granda spegulo", apartenas al historiaj rakontoj kaj ili rakontas floran historion de HUJIŬARA-no-Miĉinaga, la plej potenca kortegano-nobelo en la mezo de l' epoko. En la unua oni nur admiris lin, dum en la dua kritikis lin.

**KONĴAKU-MONOGATARI** (今昔物語), ĉine "Nun-malnova rakonto", estas aro da tradici-rakontetoj, plimulte budaismaj, en Japanujo, Ĉinujo kaj Hindujo. En japana parto la aŭtoro prenis popolan vivon, kiun malantentis aŭ ne konis ĉiuj aliaj verkintoj, kiuj por esprimi ĉion pri popola vivo havis nur unu vorton «ajaŝi» kiu signifas «malnobla» kaj «stranga».

C. Eseoj*

Inter al eseoj apartenantaj oni trovas vicon da taglibroj, multe el kiuj estas esence «rakontoj» subjektivaj kun heroo «mi». Escepte TOSA-NIKKI'n, la unuan, ĉiuj estis verkitaj de virinoj kaj interesaj en diversaj sencoj.

**TOSA-NIKKI** (土佐日記), "Tosa-taglibro", de Curajuki, fama utaisto, kiun vi jam devas koni. En ĝi li ja eĉ larmojn al la mortinta infano vualis per humoraĵo.

**KAGEROO-NIKKI** (蜻蛉日記), "Kageroo-taglibro", de la patrino de HUJIŬARA-no-Miĉicuna. "Malfortulo, via nomo estas virino." — Ĉi tiun frazon ni donu al la aŭtorino de KAGEROO (esp. efemero) Ŝi malgaje kaj sincere figuris malĝojn kaj ĉagrenoplenan vivon de virino, nome ŝi mem, kiu estis pli kaj pli malatentita de l' edzo en poligamia socio.

**MURASAKIŜIKIBU-NIKKI** (紫式部日記), "Taglibro de Murasaki-ŝikibu," korteganino jam supre menciita, meze de la flora kortego kviete rememoris kaj sopiris la mortintan edzon kaj perditan hejmvivon kaj sentis solecon. Sed ne forgesu, ke ŝiaj akraj okuloj de

---

* laŭokazaj priskriboj, skizetoj aŭ notetoj pri okazaĵoj.

novelisto ĉi tie ankaŭ faris profundan observon.

**IZUMI-ŜIKIBU-NIKKI** (和泉式部日記)—La verkintino Izumi-ŝikibu estis pasia utaistino brilanta en tiama senflua utaista rondo. En la libro reliefas ŝia amvivo senbrida . . . En la kvara, aŭ kvina tago post morto de la amato ŝi ja faris la unuan rendevuon kun lia frato.

**SARAŜINA-NIKKI** (更級日記), "Saraŝina-taglibro", —Ŝi komencis la priskribon je l' 12-jara aĝo kaj finis je l' 60-jara. Roza sento de la revema knabino, kiu ravita de Rakonto GENĴI eĉ forgesis enlitiĝi, kaj posta stadio al seniluziiĝo kortuŝas legantojn.

Krom la taglibroj ni havas ankoraŭ unu tre faman skizon kiun kaj GENĴI'n oni nomas du lumoj en tiuepoka literaturo. Tiu estas **MAKURA-NO-SOOŜI** (枕草紙), verkita de korteganino Sejŝoonagon. Saĝa, spirita, sentema kaj iom aroganta personeco ŝia kaj flora vivo kortega plenigas ĝin, do pere de enhavitaj ĉapitroj plejparte mallongegaj oni povas bone vidi diversajn inklinojn, precipe gustajn de l' aŭtorino kaj samtempe de tiamuloj. Ekzemple:

"En printempo—

Tagiĝo! kiam pli kaj pli blankiĝinta montosupro ekestas iom hela, kaj mallonga sin trenas nubo purpureta.

En somero—

Vespero! kiam . . ."

"Objektoj interesrompaj: Hundo tage bojanta. Naskejo kun mortinta infano. Klerulo faras nur infaninojn unu post alia. Senfajra fajrujo. Longa pluvado en la lasta tago de l' jaro . . ."

La observo estas akra, stilo — konciza, priskribo—impresa, kritiko — ironia, tamen bedaŭrinde ŝi ne povis penetri internon de l' vivo.

## 2. KAMAKURA-EPOKO (*1192—1334*)

Je la fino de l' antaŭa epoko pacan dormon de la nobelaro skuis nove estiĝanta samnraj-klaso armita. Post sangaj bataloj familiaro TAIRA (HEIKE) fariĝis la unua reprezentanto de tiu ĉi klaso kaj ekpotencis en la ĉefurbo kaj imitis la nobelan familion kaj iĝis jaron post jaro nobeleca kaj malforta. Kaj tial fine forta, vera samuraja familiaro MINAMOTO (GENJI) elradike ekstermis HEIKE'n. HEIKE'a potenco daŭris nelonge. Tiu ĉi fakto donis grandan frapon al tiamuloj. Profunden en ilia koro penetris la ideo, ke la glora vivo estas malĉiama efemera kaj vanta kiel instruas Budaismo. Influo de Budaismo estas rimarkinda karakterizaĵo de ĉiepoka literaturo.

A. Rakontoj

La tempo prave naskis novan literaturon de militaj rakontoj. Oni havas **HOGEN-MONOGATARI** (保元物語), "Hogen-rakonto," **HEIĴI-MONOGATARI** (平治物語), "Hejĵi-rakonto," **HEIKE-MONOGATARI** (平家物語), "Hejke-rakonto," kaj **GEMPEJSEISUIKI** (源平盛衰記), "Prospero kaj pereo de GENJI kaj HEIKE". Komunaj interespunktoj de ĉi tiuj: 1) agrabla subpremado sur nobelaron flanke de samurajoj antaŭe malestimataj. 2) konflikto inter nobelismo kaj samurajismo. 3) preciza priskribo pri milito, beligita milito.

La plej fama estas HEIKE-MONOGATARI, kiu estas tro poezia por nomiĝi milita literaturo. En ĝi oni pentris 20-jaran aferabundan historion de familio HEIKE. Tiu ĉi per armilo forprenis sidejon de la nobelaro, sed sin asimilis al ĝia kulturo nobeleca-virineca kaj tuj fariĝis mizera venkito pro fera mano de GENJI kiu poste fondis sian samurajisman registaron en Kamakura. Disfalo de nobelaro kaj firmiĝo de samurajismo morala kaj fortika. — Familiaro HEIKE ja estis kompata viktimo de tiu ĉi transiro. Tia karaktero formas la verkon, do prave ŝajnas ĝi tragedia. Plie budaisma vivkoncepto malgaja la tuton trapenetras. La unuan paĝon nigre ornamas kondolenco al nepra disfalo de homa prospero, kaj la lasta paĝo fermiĝas per bonziniĝo de la eksimperiestrino, kiu estis filino de la familia ĉefo kaj ununura vivanto post enmariĝo de la tuta familio, parencaro kaj amikaro kune kun la imperiestro, ŝia fileto.

Aliflanke diversaj rakontoj (monogatarioj) en Hejan-epoko havis respektive sian heredanton, sed nur notu, ke dum ama kaj historia estis konservemaj, tradiciaroj spirintaj la aeron de l' epoko aŭ instruis aŭ predikis religie-morale.

B. Eseoj.

a) 3 famaj vojaĝ-taglibroj.

Ĉiuj ĉi estas konservemaj sed **IZAJOI-NIKKI** (十六夜日記), "Izajoi-taglibro", de monaĥino Abucu, altires legantojn per forta amo patrina.

b) **HOOĴOOKI** (方丈記), "skribo en bonzejo".

La aŭtoro, Bonzo KAMO-no-Ĉoomei, unue pripIoris ŝanĝiĝeman vivon. «Flui ne ĉesas rivero, sed tumen la akvo ne restas sama. Vezikoj sur senfluejo jen formiĝas jen krevas, kaj neniam estadas.» Sekve sur la paĝoj aperas unu post alia milito, ventego, fajrego, tertremego kaj malsatego, kiujn ĉiujn li vidis propraokule. Por eviti la teruran realon, li skribis, fariĝis li bonzo, sin kaŝis en Monto Hino kaj atendis senditon el la paradizo. (Iu dokumento diras, ke li bonziĝis ĉar oni ne donis la oficon de li dezire-gatan.)... HOOĴOOKI ja estas reprezenta literaturo de venkito de l' epoko.

c) **VORTOJ de NIĈIREN, ŜINRAN kaj HOONEN**, eminentaj bonzoj.

Tiuj ĉi estas aparta tamen brila ekzisto en japana literaturo. La skribintoj, Niĉiren, Ŝinran kaj Hoonen, radikalaj kreis respektive budaisman sekton pozitivan por popolo eĉ riskante la vivon kuraĝe bataladis.

C. Utaoj.

Utaaroj kompilitaj laŭ la ordono de imperiestro, kies gracion rompis KOKIN-ŜUU, en Hejan-epoko, ankaŭ sinsekve aperis. Plej supera estas ŜINKOKIN-ŜUU (新古今集), "nova-KOKIN-ŜUU" En ĝi oni povas plene trovi puran artfaritecon, sed neniom rektan figuron de l' epoko. Oni utais pejzaĝon per pompa kaj fajna esprimo, kaj emocion preskaŭ ne eldiris rekte.—Naskiĝis inklino simboiisma kaj eĉ nekomprenebla.

Mi ne bezonas mencii aliajn utaarojn, kaj atentigas unr pri jenajn punktojn.

1) Formiĝo de utaistaj heredeco kajs koloj. Naskiĝis tri skoloj: NIJOO, KJOOGOKU kaj REJZEI.

2) Distingiĝa utaisto MINAMOTO-no-Sanetomo, kiu, malfeliĉa ŝoguno murdita kiel

politika viktimo, amis MANJOO-ŜUU'n kaj mem faris vivecajn utaojn

## 4. MUROMAĈI EPOKO *(1334—1603)*

Ĉi tie mi emfazu ke japanoj la unuan fojon havis dramliteraturon kvankam jam de antaŭe estis pretaj la grundo kaj ĝermo por ĝi.

A. JOOKJOKU... teksto por "noo". (mirinde kvieta opero)

Jookjoku formiĝis el fragmentoj de klasikaĵoj kaj elfaris proprajn pompajn frazojn kaj misteran kaj seriozan enhavon. Unuj el superrealaj materialoj—dio, diablo kaj spirio —estas formalismaj kaj unutonaj, sed aliaj el homvivaj materialoj respektive karakterizaj kaj dramecaj. La plej supera aŭtoro—ceterajn oni ne bone konas—nomiĝas Seami, kiu estis eminenta teknikisto kaj teoriisto de literaturo kaj "noo".

B. KJOOGEN (farso prezentata aldone al "noo")

La tekstoj skribitaj parollingve spegulas la socion tiaman aŭ ironie aŭ burleske tamen nude, dum "jookjoku" nur flankon idealigitan. Oni ne povas ne rideti vidinte ke daimio, kiu devas esti aŭtoritatulo, pro sia malklereco kaj malkuraĝeco fariĝis ludilo de akompananto maleminenta kaj fine perdis vestaĵon, aŭ ke tutan kapon de bonzo okupis nur honorario pagota.

Krom dramliteraturo naskiĝis ankaŭ unu nova. Ĝi estas "renga*," utaĉeno, kiu pli antaŭe tenis poramuzan ekziston. Dank' al teorie NIJOO-Joŝimoto kaj praktike Soogi utaĉeno ĉiepoke ekestis literatura kaj per sia viveco subpremis eĉ utaon, kiu tiam vegetis en limigita sfero. Laŭ asociacio ŝanĝi la scenon unu post alia—tia improviza intereso ludas la ĉefan rolon en utaĉeno. Ĝi entute estas produktaĵo transira de utao al hajko. Aliaj famaj verkoj:

**TAIHEIKI** (太平記)—Milita rakonto

**ĴINNOOŜOOTOOKI** (神皇正統記), "skribo pri la rekta linio de imperiestra familio", de HUJIŬARA-no-Ĉikahusa—historieto, emfazanta la pravecon de la suda dinastio.

**CUREZUREGUSA** (徒然草), de bonzo Kenkoo—eseo.

Sangoverŝadoj dum la fino de la antaŭa epoko kaj la komenco de ĉi epoko naskis la unuajn du. Oni sentas en TAIHEIKI malluman kaj hororan aeron ĉ. la venkitoj, kaj en JINNOOŜOOTOOKI fajran koron kaj akran kritikon de l' aŭtoro al perdita justeco. La verkinto de CUREZUREGUSA komencis la skribon "pro enuo" (*curezure*=enuo) kaj tuŝis tre multajn punktojn de hama vivo, sed neniom pri la teruraj okazaĵoj, kiujn li devis vidi propraokule. Ĉu li sidis trankvile super la epoko, aŭ fugis malkuraĝa el tiu?... Nu, aŭskultu konfeson lian: « Rilate ĉion mi sopiras al la meza periodo de Hejan-epoko» .. Tiu ja estis unu obstina negativa tendenco, kiu sin montras jam en la fino de Hejan-epoko. La libro estas unu el la plej popularaj klasikaĵoj kaj plene povas kapti koron de nejunaj japanoj.

---

* 連歌: ĉeno da utaoj, unu persono faras la unuan parton (5, 7, 5 silaboj) de utao kaj la dua restan parton (7, 7 sibaboj) kaj la tria imitas la unuan kaj la kvara la duan kaj tiamaniere oni daŭrigas la utafaradon kaj produktiĝas serioj da utaoj.

## EDO-EPOKO *(1603—1866)*

Post la tiel nomata «milita epoko» kiam la tutan landon sangokovris civilaj militoj inter aroj da potencaj samurajoj (en la fino de la antaŭa epoko). Tokugaŭa-Iejasu fondis sian samurajan registaron en Edo kaj garantiis pacon, dume en Osako kaj aliaj en okcidenta parto progresis komerco kaj kaŭzis leviĝon de urbanoj—burĝoj. Tiuj ĉi kreis sian literaturon viglan kaj senbridan. Aliflanke parto de inteligentularo ekvolis liberiĝi el katena heredaĵo religia de l' meza epoko.—Tiele ja sin formis «Renesanco en Japanujo», brila tagiĝo de moderna literaturo.

(Naskiĝo de eldona entrepreno konsekvence fabrikis profesian literaturiston en nuna senco... Malnovaj verkoj en Japanujo estis mane skribitaj, tial h::vis nur malmultajn legantojn.)

La literaturo tamen malvigliĝis iom post iom kaj komencis transloki la centron, kaj pli poste en Edo, nuna Tokio, en orienta parto ree donis floron.

A. Utaoj.

La supredirita tendenco de inteligentuloj kaŭzis studojn pri klasikajoĵ. Kriis "utao devas returneniri al MANJOO", kaj mem nesukcese versis. Daŭris aperi klasikaj utaistoj, inter kiuj troviĝas Motoori-Norinaga, la unua subjektiva literaturkritikisto en Japanujo. Dume urbanoj kreskigis komikan utaon, en kiu ili aŭ ĵetis ŝercon sur klasikaĵon kaj estintan eminentulon aŭ ebriiĝis je sia vivo, aŭ ironie pikis la politikon k. t. p. La plej supera nomiĝas Ŝokusanĵin. (Komikutaistoj havas ŝercan plumnomon.) En la fino de l' epoko oni posedas tri karakterizajn utaistojn, Rjookan, Akemi kaj Kotomiĉi, kiuj temis pri ĉiutaga vivo proza tamen sincera kaj fariĝis pioniroj peli dumlongan nobelecon el utao por nova generacio.

B. Hajkoj.

Utaĉeno aŭ "renga" naskis novan specon tre mallongan de poezio nomata "hajko", kiu konsistas el 17 silaboj (5, 7, 5 silaboj).

Tiu ĉi mondon ekvidis kiel ŝerca ido de utaĉeno, sed post apero de Macuo-Baŝoo (1644-1693), kiu abomenis bruan kaj karnan vivon de tiamaj urbanoj kaj amis kvietan naturon kaj solecan vivon, fariĝis memstara literaturo duone popola duone parnasa. Tiu ĉi mirinde mallonga poemo ja estas plej japanisma literaturo samkiel utao, tial eksterlandano ne povos ĝin bone kompreni.

"Aŭtuna vespero—
Sur branĉon eksenfolian
jen korvo sidas."
(fama hajko de Baŝo.)

Baŝoo okupas unu el plej superaj sidejoj en ĝisnuna literaturo japana kaj havis multajn posteulojn. Malgraŭ tio hajko ne povis teni viglan vivon. Meze de ĉi epoko tamen estis refreŝiga hajkisto Josa-no-Buson, kiu en verkoj spegulis siajn flankojn kiel klerulo kaj fama pentristo, kaj pli poste—Issa (1753-1827), kiu de suĉinfanaĝo ĝis morto

suferis malfeliĉon precipe en hejma vivo kaj naskis senornamajn sed kortuŝajn hajkojn proprajn rekte el tia cirkonstanco. Nin interesas la fakto, ke ankaŭ en ĉi kampo kreskis komika aĵo popola samkiel en utaa kampo. Al tiu oni donis nomon "senrjuo*", ĉar la reprezentanto de ĝiaj verkintoj estas Senrjuu, kiu havis genion por satire trafi homan koron per vulgara materialo.

C. Noveloj.

Komence de l' epoko noveloj estis instruaj kaj klerigaj por popolo, sed tendenco skribi figuron de la socio aperis ĉe ASAI-Rjooi, kies ĉefverko tamen estas **OTOGIBOOKO** (お伽婢子) (1666), aro da fantomrakontoj adaptitaj el ĉinaj, kaj ĉe IHARA-Saikaku (1642-1693), hajkisto, faris grandan salton.

Saikaku kondensis en siaj unuaj verkoj ian vivon de novaj burĝoj. Kian? — Firma feŭdismo ankoraŭ brutigis ilin per severa politiko, sed ekonomia potenco jam sin trovis en ilia mano. Por kio monon elspezi ili malkleraj? Ja nur por karna deziro! — Seksafero, kiu nobele vualita en Hejan-literaturo kaj religie premita en Kamakura- kaj Muromaĉi-literaturo, ĉi tie ekis superflui kiel torento.

**KOOŜOKU-IĈIDAIOTOKO** (好色一代男), "Unua Amaĵisto" (1682), estas ĉeno da spertoj de seksa vivo kun virinoj kaj viroj (pederastio) de Jonosuke, Mondulo). Li dum 54 jaroj ekde sesjaraĝa fariĝis intima kun 3017 virinoj kaj 725 viroj, kaj fine por plua kaj nova plezuro nava ekiris al Virina Insulo kune kun 7 amikoj-amaĵistoj en ŝipo Amaĵo.

**KOOŜOKU-IĈIDAIONNA** (好色一代女), "Unua Amaĵistino" (1686) — Diversaj seksaferoj seninterrompe sinsekvis dum la heroino spertis preskaŭ ĉiujn flankojn de ina vivo tiama, nome edzina, kudristina, korteganina, vulgarmuzikistina, publikulina ktp. Jonosuke ĉiam senlaca kuris al reala plezuro aktive, sed ŝi, ŝajnas, vole-nevole falis en kotan abismon por vivi kaj fine fariĝis bonzino vidinte en templo, ke tieaj 500 arahanoj havas vizaĝojn kvazaŭ de ŝiaj viroj. Ĉi tie ekvidiĝis sinesploro al amaĵista vivo kaj eĉ eta patoso.

**KOOŜOKU-GONIN'ONNA** (好色五人女), "Kvin Amaĵistinoj" (1686), de multaj ŝatata konsistas el kvin memstaraj noveletoj. Ne same al aliaj du ĉi ĉiu temo estas amo iomete platona de juna paro.

Post jaro 1686 kiam la registaro malpermesis eldoni amaĵan novelon, Saikaku ŝanĝis materialon — unue al urbana vivo monavida ("Kalkulado en Koro" "Japana ĉiama Trezortenejo" k. a.), due al samuraja, sed ĉi tie la akra plumo videbla en la amaĵaj noveloj fariĝis plene obtuza krom en samseks-ama sceno, ĉar samuraja vivo ja estis fremda por li mem.

EĴIMA-Kiseki (1667-1736) al ni montras tipajn karakterojn de tiamaj gejunuloj per la verkoj "FILA KARAKTERO" (世間息子氣質) kaj "FILINA KARAKTERO" (世間娘氣質).

Realisma (ne en severa senco) sintenado kiun havis Saikaku, Kiseki k. a. estis nevigle transdonita en "malĉastej-novelo". Kompreneble malĉastejo ne forgesis okupi

* 川柳: Senrjuo estas ankaŭ unu speco de poezio el 17 silaboj kiel hajko sed havas tute alispecan karakteron.

sidejon en multegaj verkoj ĉiepokaj, sed tie ĉi oni esprimis ĉefe malĉastejan vivon per geviroj interparoloj kaj aŭ laŭdis ŝikan dandon aŭ mokridis stultan kampulon. Fame konata estas SANTOO-Kjooden (1751-1815) kiu elmontris sian talenton ankaŭ en historia novelo.

Dum la tempo, la posta parto de l' epoko, kiam spiris Kjooden, novelo donis maturan frukton en Edo, kie loĝis multe da eminentuoj lin enhavantaj.

JUPPENŜA-Ikku (1766-1831) kaj ŜIKITEI-Samba havas nomon "komiknovelisto". La ĉefverko de Ikku estas "**VOJAĜO SUR KRURA ĈEVALO TRA TOOKAJDOO** (東海道中膝栗毛), en kiu du optimistoj faris komikajn malsukcesojn naivajn ĉie dum longa vojaĝo.

"**POPOLA BANEJO**" (浮世風呂) kaj "**POPOLA BARBIREJO**" (浮世床) de Samba devas esti alte taksitaj ankaŭ kiel moderna novelo realisma. En banejo kaj barbirejo japana popolo teniĝas plej senceremonie. Tial la aŭtoro kaptis tieajn interparolojn de multspecaj homoj kaj al ni aludas figuron de «vasta vivo». Pli poste komika novelo intencis trompi enuon de vivo per ŝerco cerbumita kaj fariĝis malsana literaturo en la dekadenca periodo disfalonta.

Dekadencismo sin trovas ankaŭ en erotikaj noveloj. Tiamajn gevirojn mirinde absorbis "KAMPARA GENĴI" (偐紫田舎源氏), verkita de RJUUTEJ-Tanehiko (1783-1842), kiu, tre bele ilustrita, estas adapto de fama, klasika "Rakonto GENĴI". TAMENAGA-Ŝunsui (1789-1842) plaĉis al tiamuloj precipe per "**PRINTEMPO DONAS FLORON**" (春色梅暦), kie belan viron nomatan Tanĵiroo ĉirkaŭis multaj virinoj kaj post amaj bataloj unu el ili fariĝis lia leĝa edzino kaj aliaj — kromedzinoj. Tanehiko kaj Ŝunsui ambaŭ estis punitaj de l' registaro pro la tro erotika priskribo kaj haldaŭ mortis.

Erotikeco estas ĉefa tendenco de tiama novelo sed ni povas trovi malan ekziston okulfrapan. Tiu nomiĝas TAKIZAŬA-Bakin (1767-1848) kiu, de iuj malŝatata kiel «komizo de registaro», tamen fariĝis tre populara dank' al moraleco, heroismo kaj precipe lerta strukturo. Li, energia, faris multajn verkajn, kies materialojn li prenis ĉefe el historiaj rakontoj kaj ilin vestis per simpla moralkoncepto «bono kaj malbono ambaŭ havas nepran repagon.» Plej supera literaturo estas **ĈINZEIJUMIHARIZUKI** (椿說弓張月), sed oni ege amis "**BIOGRAFIO DE 8 HUNDOJ DE SATOMI**" (里見八犬傳), la plej ampleksan verkon en Japanujo, en kiu superhoman rolon ludas por restarigi sian mastran familion ok herooj, kiuj naskiĝis inter hundo kaj virino kaj simboligis ok moralajn normojn. Ĉi tie, en la kampo de historia romano, mi denove ripetu la nomon Kjooden kiu estis instruanto de Bakin sed poste de li perfidita.

Jam tro malfrue por sin turni al la mezo de l' epoko, ĉu ne? Sed legantoj, mi devas, iomete, mencii UEDA-Akinari (1732-?), kiu aliflanke estis utaisto kaj klasikisto. En ĉefverko **UGECU-MONOGATARI** (雨月物語), el 9 noveletoj, li skribis timigajn kaj misterajn aferojn. — En malluma monto interparolis homo kaj mortinto, ie obsedas viron voluptema serpento en virina aspekto, aliloke tremas skeletiĝanta bonzo sankta kiun kaptis samseksa amo. . . . . La materialoj eble troviĝas en klasikaĵoj japanaj kaj ĉinaj sed la aŭtoro ilin plene farigis siaĵoj.

D. Dramliteraturo.

Oni ĝuis "ĵoruro", kiu, sinteza arto, konsistas el vortoj, muziko kaj marionetoj. Komence la skribaĵo por tio estis tute simpla kaj kruda kun brava heroo kian tre amis tiamuloj senkleraj, sed la apero de Ĉikamacu-Monzaemon (1653–1724) donis egan progreson al ĝi. Ankaŭ li energion konsumis per verkoj samtendencaj al tiuj de l' antaŭuloj. La plej populara estis "KOKUSENJA MILITIRAS" (國姓爺合戰), kiu, tamen tre absurda, povis plene instigi la popolon admiri, surpriziĝi, ridegi kaj larmi. Li samtempe direktis sian plumon al urbana vivo kaj literature sukcesis. Eĉ en tiu ĉi kampo li, varmkora idealisto, beligis realon kaj prenis « amon » kiel ĉeftemon. Geamatoj, precipe urbano kaj publikulino, plej ofte aperas sur la scenejo kaj faras "ŝinĵuu" (kunsinmortigo de geamanta paro). En la unua verko SONEZAKI-ŜINĴUU (曾根崎心中) li tre simple igis geamatojn ŝinĵuu'i pro rabita moño. Sed antaŭen! —En MEIDO-NO-HIKJAKU (冥土の飛脚), "Kuriero el Alia Mondo", patra amo ankaŭ ludas gravan rolon, kaj en plej fama ŜINĴUU-TENNOAMIĴIMA (心中天網島), Osan larmopetas al pubulikulino Hoharu, amatino de ŝia edzo, ke ŝi apartiĝu el li. La amo edzina kaj patrina de Osan kortuŝas Koharu'n, tial ŝi mensoge lin perfidas. Indignas, koleras li, eĉ malĝojas, fine larmas antaŭ la edzino. Tiu ĉi tre amas lin, devas konfesi.... Estas malseka la tero kiun por la lasta fojo tuŝas li kaj Koharu en nokta vualo.... "ONNAGOROŜI-ABURAĴIGOKU (女殺油地獄), "Olea Infero" havas karakteron de soci-tragedio; ĉi tie estas skribitaj procedo ĝis hommortigo de junulo, kiu fariĝis kanajla pro hejma cirkonstanco, kaj amoj de l' duonpatro kaj patrino al li.

Enami-Kaion sukcesis skribi iom raciajn virinojn ekster flora malĉastejo. Pli poste Takeda-Izumo, kiu mem movis marionetojn, donis dramecon al prezentado de "ĵoruro", jen pro kio liaj verkoj ankoraŭ tenas sian vivon.

"Ĵoruro" komencis kadukiĝi, ĉar unuflanke ĝi mem pli kaj pli fariĝis muzika "kanto-ĵoruro", kaj aliflanke leviĝis "dramo" en vera senco. La refreŝiga ĵorurverkisto nomiĝas Ĉikamacu-Hanĵi, kaj la lastan brilon ellasis Hiraga-Gennai kiu estas senbrida geniulo, novelisto kaj sciencisto.

Kabuki-teatraĵo jam de antaŭe ekzistis, kaj Ĉikamacu-Monzaemon ankaŭ skribis dramojn por tio. Meze de l' epoko en Osako kaj Edo aperis multaj dramistoj kiuj faris varmbedon por Curuja-Namboku (1754–1829) Tiu ĉi gajnis popularan favoron man' en mano kun la famaj aktoroj kiam kabuki-teatraĵo ĝuis sian floradon en Edo. Lia reprezenta verko estas JOCUJA-KAIDAN (四谷怪談), "Aperaĵo en Jocuja." —Iemon havis malbelegan edzinon Oiŭa. Ŝin abomenis li, turmentis, kaj fine mortigis. Oiŭa fariĝis aperaĵo kaj lin malbenis. —Plaĉis al tiamuloj multaj scenoj terurigaj. En la fino de l' epoko kvazaŭ por likvidi antaŭajn kabuki-dramojn aperis Kaŭatake-Mokuami (1816–1893). Li skribis kvalirecajn rabistojn, kaj ankaŭ en la sekva epoko publikigis moralajn dramojn nur iom prenante novan scenon.

## Nuna Tempo (MEJĴI-, TAIŜOO-, ŜOOŬA-EPOKOJ) (*1867—hodiaŭ*).

Mejĵi-Renovigo (1867) renversis ĝistiaman feŭdismon kaj la nova registaro stimulis

la popolon al interkomunikado kun alilandanoj kaj enkonduko de kulturoj eŭrop-amerikaj. De tiam la malnova Japanujo jaron post jaro transformiĝis en la novan Japanujon. Kaj japana literaturo ankaŭ faris grandan salton. Mi havas multe da menciindaj en la literatura kampo de tiam ĝis nun. Sed pro la manko de spaco mi nur per dekkelkaj linioj ĉi tie tuŝetos la menciindajn aŭtorojn kaj tendencojn.

1867—1886 inundis la eŭrop-amerikaj kulturo kaj pensoj tra la tuta lando. Angla utilismo (kiun interpretis HUKUZAŬA-Jukiĉi), franca liberalismo (NAKAE-Tokusuke), germana naciismo (KATOO-Hirojuki) kaj kristanisma ideo (NIIĴIMA-Juzuru) havis grandan influon. TOJAMA-Masakazu kaj aliaj elpensis novan formon de poezio similan al eŭropa poemo. Kelkaj prezentis tradukon de eŭropaj noveloj. En tiu periodo originalaj beletristikaj verkoj estis nur politikaj romanoj kaj noveloj. KANAGAKI-Robun, JANO-Rjuukej, ŜIBA-Ŝiroo (Tookai-sanŝi) kaj SUEHIRO-Teĉĉoo estis ĉefaj verkistoj.

1887—1902 reakcia naciismo aperis. TAKAJAMA-Ĉogjuu predikis japanismon. Krom nava formo de poezio, malnova utao (OĈIAI-Naobumi, SASAKI-Nobucuna, JOSANO-Tekkan k. a.) kaj hajko (MASAOKA-Ŝiki, TAKAHAMA-Kjoŝi, KATOO-Hekigodoo k. a.) reviviĝis. Ĉefa tendenco de verkista rondo estis romantikismo. CUBOUĈI-Ŝoojoo kaj HUTABATEJ-Ŝimei respektis priskribon pri psikstato aŭ reala socio. La verkoj de JAMADA-Bimjoo, OZAKI-Koojoo, KOODA-Roban, MORI-Oogai, HIGUĈI-Iĉijoo kaj aliaj havis iom romantikisman tendencon. Ŝoojoo verkis dramojn historiajn, kaj Oogai ankaŭ tradukis eŭropajn romantikajn dramojn.

1902—1912 naturalismo prospreis en beletrista rondo. Verkoj de MAUPASSANT kaj ZOLA multe influis sur tiamajn verkistojn. Kaj aliaj multaj famaj eŭropaj dramoj aŭ romanoj prezentiĝis antaŭ publiko. KUNIKIDA-Doppo, ŜIMAZAKI-Tooson, TAJAMA-Katai, TOKUDA-Ŝuusei, MASAMUNE-Hakuĉoo estas ĉefaj verkistoj de naturalisma tendenco. NACUME-Sooseki estis granda verkisto en tiu periodo, kiu ne estis influita de tiama tendenco. Verkoj de TANIZAKI-Ĵun'iĉiroo havis estetikisman tendencon.

1912—1926 neoidealismo kaj neorealismo naskiĝis. Verkis KIKUĈI-Kan, KUME-Masao, SATOO-Haruo, KATOO-Masao, AKUTAGUA-Rjuunosuke, JAMAMOTO-Juuzoo k. a.

Dum la mondmilito (1914—1918) japana kapitalismo havis grandan prosperon kaj post la milito politika movado de proleta klaso ardiĝis jaron post jaro. Proleta literaturo naskiĝis. HUĴIMORI-Seikiĉi, KUBOKAUA-Ineko, KUROŜIMA-Denĵi, TOKUNAGA-Sunao, NAKANO-Ĵunĵi, HAJAŜI-Husao, TAKEDA-Rintaro estas ĉefaj verkistoj de proleta literaturo. Aliflanke postmilita demokratia ideo naskis humanisman literaturon. Ĝiaj ĉefaj verkistoj estis ARIŜIMA-Takeo, MUŜAKOOĴI-Saneacu, ŜIGA-Naoja, AKITA-Uĵaku.

1926—1934. Junuloj ŝatis kriminalajn romanojn, kiujn verkis EDOGAUA-Rampo, KOOGA-Saburoo, OOŜITA-Udaru kaj aliaj. Kaj poste ili transformiĝis en t. n. "popularajn romanojn", kiuj havas nenian aromon de altnivela beletristiko sed estis bonaj tempopasigiloj. Ilin verkis NAKAZATO-Kaizan, ŜIRAI-Kjooĵi, OSARAGI-Ĵiroo, JOŜIKAUA-Eiĵi, HASEGAŬA-Ŝin kaj aliaj. (La fino)

# Listo de Esperantaj Tradukoj de Japanaj literaturaĵaj

**Rimarkoj** : —(1) La materialoj de la listo estis kolektita plejparte de Kazuo OSAKI kaj dekkelkajn Hirokazu KAĴI kaj Hiroŝi TAKAGI. Aranĝis la materialojn en la liston J. OKAMOTO.

(2) Oni sisteme uzis presliterojn por montri ĉiujn homajn nomojn kiel jene.

(a) familia nomo estas presita per malgrandaj majuskloj. (Ekz: ĈIKAMACU).

(b) persona nomo estas presita per ordinaraj. (Ekz: Monzaemon).

(3) La nomuj de originalaj verkoj (aŭ libroj) estas montritaj per gotaj majusklaj literoj. (Ekz.: MANJOOŜUU).

(4) Oni uzis jenajn mallongigojn por montri la nomojn de la gazetoj, kie aperis la traduko.

R. O.=La Revuo Orienta, J. E.=Japana Esperantisto, E.=La Esperantisto, K.=Kamarado, E. L.=Esperanta Literaturo.

En la venonta numero oni aldonos la materialojn ĉerpitajn el Verda Mondo k. a.

(5) Oni aldonis post la nomo de la gazeto, la numeron de la volumo per romaj ciferoj (ekz. **II**=Volumo II-a) kaj la numerojn de la paĝoj per arabaj ciferoj (ekz. 2-5=paĝoj 2-5). Kiam oni kalkulas paĝnumerojn en ĉiu numero aparte, oni montris la numeron kaj poste la paĝnumerojn (ekz. n-ro 2, 6-7=en la numero 2, paĝoj 6-7.)

(6) Ĉiuj nomoj de aŭtoroj kaj titoloj de l' originaloj estas donitaj nur per esp. ortografio por sisteme aranĝi materialojn, kiajn ajn sistemajn ortografiojn uzis la tradukintoj por montri ilin.

## MALNOVA TEMPO (JAMATO-, HEJAN-, KAMARURA-, MUROMAĈI-, EDO-EPOKOJ)

| ORIGINALO (原著) | | TRADUKO (譯) | | |
|---|---|---|---|---|
| Aŭtoro | Titolo | Titolo | Tradukinto | Gazeto k. a. |
| —— | KOĴIKI (古事記) | Japana mito laŭ Koĵiki | J. OKAMOTO (岡本好次) | R. O. VI, 158-159, 182-183, VII, 80-81, 186-187. |
| | | La reĝido Jamato-Takeru | K. OSSAKA (小坂狷二) | J. E. XII, n-ro 2, 6-7. |
| —— | NIHONŜOKI (日本書記) | Gemo alfluiga kaj gemo forfluiga | N. NOHARA (野原休一) | J. E. IV, 124-126 |
| | | Nihonŝoki (traduko de la unuaj tri volumoj) | 〃 | aparta eldono, 1935. |
| —— | MANJOOŜUU (萬葉集) | El Mannjô-ŝu | M. INOUE (井上萬壽藏) | R. O. III, 6, 59. |
| | | Tanka'oj el Manioo-ŝuu (赤人, 人麿, 憶良, 額田女王, 家持) | Ŝ. MIJAKE (三宅史平) | R. O. VIII, 344 |
| | | El Manjoo (家持, 石川郎女) | K. KOIZUMI (磯崎巖の pseŭdonimo) | R. O. XI, 71. |
| | | Uraŝima de Miz'noe (蟲麻呂) | C. TAKAISI (高石綱) | R. O. XIII, 421. |
| | | Landvojo de Yama-siro (讀人不知) | K. SISIDO (宍戸圭一) | R. O. XIV, 303. |

